**24a Jaro - No 3 (253)** **Jara Kotiz-Abono Fr. 35,—** **Marto 1938a**

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monat Revu fondit en 1908.

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

DIREKTORO:
**Maur. JAUMOTTE**
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

**OKAZE DE KONKURSO.**

## Ni havu ankaŭ Celon atingotan en propra Lando

Ĉiuj niaj legantoj scias ke ĉe l' komenco de la jaro 1937, la juna IEL organizis grandan konkurson inter la landaj asocioj, kun la celo akceli la varbadon de membroj de nia internacia organizaĵo.

Tiu konkurso, kiu komenciĝis en tiu nebula tempo, kiam, kontraŭ sia propra volo kaj precipe deziro, la Esperanta popolo devis ŝanĝi la nomon tiel amatan de sia universala organizaĵo, iris sian malrapidan vojon.

Dume, oni povis timi, ke parto de tiu popolo neniam povos akcepti tiun nomŝanĝon, neniam kuraĝos forlasi la tri en la koro jam tiel ankritajn literojn kaj ke la konkurso do nur povos montri la disfalon de nia movado.

Sed la gvidantoj de nia movado internacia montris, per laboro, per senlaca klopodado, ke, se ili estis devigataj iri vojon, kiun ili estis esperintaj eviti, tio tamen ne ŝanceligis ilian firman konfidon en la fina venko, nek lacigis ilian laboremon por Esperanto.

Kaj tiel la popolo, post kelkaj monatoj, post kelkaj semajnoj eble jam, akiris la konvinkon, ke ĉiu individue ankaŭ devas helpi, por ke la ŝanĝo ne havu kataklismajn sekvojn por nia movado.

Nun ankoraŭ restas, en niaj rangoj, kelkaj amikoj, kies funebro pro la ŝanĝo estas tia, ke ili ne jam kapablas alrideti la novulon.

Ni komprenas ilian dolĉan obstinon; ni respektas ilian doloron, kiu estas plene nia; ni preskaŭ hezitas reskribi la anglan diraĵon, kiun ni jam citis en nia antaŭa artikolo, sed kiu estas kaj restas tamen plenvera por ĉiuj, kiuj permesas, en tiaj aferoj, ke la koro regu super la spirito en tia grado, ke ĝi alkondukos nin al la plena disfalo, al plena memmortigo.

Laŭ tiu diraĵo, **fakto valoras pli ol urbegestro!**

Kaj la fakto, pri kiu nun temas, estas, ke, post gravega jaro da laboro, dum kiu la estraro de IEL, devis, kun budĝeto por unu jaro, certigi la funkciadon de oficejo kaj aperigon de organo, dum pli ol dekkvin monatoj, ĝi tamen grandioze atingis la unuan jarfinon.

Se ni uzas tiun vorton grandioze estas ĉar la konkurso vere montras, ke la Esperanta popolo restis unuigita; ke ĝi kunigis ĉiujn fortojn en streĉa penado al konservigo de tio, kion ĝi tiel malfacile akiris.

Kaj tiel la konkurso pruvis, ke, en kune 60 landoj, 13.500 Esperantistoj, arigitaj en neŭtraj grupoj kaj asocioj, nur kun la stela celo antaŭ la okuloj, aliĝis al nia internacia Ligo.

Kaj jam nova konkurso ekkomenciĝis, kun la celo akiri dum la jaro 1938 almenaŭ 15.000 membrojn.

Kaj ni ne devas, ni ne volas dubi, ke tiu rezultato estas atingebla kaj estos atingata.

La sukceso de la Kongreso de Londono, kiu estas, jam de nun, tute certigata, helpos pligravigi, ne nur en Anglujo, sed ankaŭ en multaj aliaj landoj, la seriozan sintenadon de la ekstera mondo kontraŭ nia movado.

Sed, se la Internacia Esperanto-Ligo instigas nin al plia varbado de membroj por la universala organizaĵo; se alloga kongresprogramo altiras nin al la bela Kongreso de Aŭgusto proksima en Londono, ni ne forgesu, ke la internacia organizaĵo nur povas vivi, se ĝi povas sin apogi sur fortaj landaj asocioj; ke antaŭ ol iri al internaciaj kongresoj, la novaj Esperantistoj, devas unue ekkapti la atmosferon en naciaj renkontiĝoj.

Kaj tial ni ĉiuj havu ankaŭ, antaŭ niaj okuloj, pli tujan celon, atingotan en la lando mem.

Tiu celo estas la varbado da kelkcentoj de novaj membroj por nia Ligo kaj la alvenigo de kelkdekoj da novaj aliĝantoj por nia baldaŭ-okazonta Kongreso en Charleroi.

Helpante al la akiro de tiu duobla apuda celo, ni estos samtempe farintaj gravan paŝon al la atingo de la alia, pli fora celo, la plifortigo de nia movado en la Mondo.

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Al la grupoj

Kiel vi scias, la administrantaro de Belga Ligo estas nomata laŭ proponlisto starigita konforme al la regularo de interna aranĝo:

« A. La aliĝintaj grupoj kun 20 ĝis 50 membroj proponas unu administranton kaj plian por ĉiu komencita kvindeko, laŭ ciferoj je la 31a de decembro de la pasinta jaro.

» B. La aliĝintaj grupoj kun malpli ol 20 membroj kaj la izolaj membroj en lokoj aŭ aglomeracioj kie ne ekzistas grupo, rajtas proponi kune po unu administranto por ĉiu kvindeko aŭ komencita kvindeko da membroj.

» C. La administrantoj elektitaj sub A kaj B rajtas proponi al la ĝenerala kunsido de la sekvanta jaro liston de kandidatoj kooptaj ĝis unu triono de sia nombro. »

Laŭ la suprecitita principo, la Grupoj rajtas prezenti la sekvantajn nombrojn da administrantoj:

Kategorio « A »: Bruĝa Grupo, 3; Verda Stelo, 3; Brusela Grupo, 2; Genta Grupo, 1; E. Grupo La Louvière, 1.

Kategorio « B »: E. Grupo Nivelles, Societo Lieĝa, E. Grupo Charleroi, Lovena Grupo, Izoluloj, kune: 2.

La nuna sistemo estas starigita por ke la direktanta komitato povu labori en intima kontakto kun la reprezentantoj de la grupoj el kiuj cetere estas elektataj la membroj de la centra organizo. Pro tio estas dezirinde ke la personoj kiujn vi elektos povu regule ĉeesti la kunsidojn de la administrantaro kaj ke ankaŭ ili estu indaj kaj eventuale pretaj kunlabori por fariĝi membroj de la direktanta komitato.

Ni ankaŭ petas ke vi bonvolu SENDI LA NOMOJN ANTAŬ LA 6a de MARTO, dato de la kunveno de la direktanta komitato.

21an de Februaro 1938.

Altestime,

Por Reĝa Belga Ligo Esperantista:

Unu Sekretario, F. Swinne.

La Prezidanto, D-ro P. Kempeneers.

---

**PORTU VIAN VERDAN STELON!**

---

## Korespondaj kursoj de Esperanto

Jam delonge la gvidantoj de nia nacia movado pristudis la eblecon, eldoni simplan, nemultekostan kurson de Esperanto.

Pasintan jaron ili interkonsentis kun «Belga Esperanto-Instituto» pri adaptigo de la kurso, kiu havis grandan sukceson en Svedujo.

Ĉe la efektiviĝo kaj pro kialoj, kiujn ni ne priskribos tie ĉi, evidentiĝis la neebleco kaj la nedezirindeco, uzi tiun kurson, ĉu en tradukita, ĉu en adaptita formo.

Belga Esperanto-Instituto tamen ne forlasis la ideon kaj ni nun havas la ĝojon informi niajn legantojn, ke, de la mezo de tiu ĉi monato, B.E.I. ekkomencos la liveradon de la kurso al tiuj, kiuj jam antaŭe enskribiĝis por korespondа kurso aŭ kiuj ankoraŭ intertempe enskribiĝos.

La kurso estas kompleta en KVIN, ja iom ampleksaj, lecionoj, por kies unuopa pristudo, estas antaŭvidata tempodaŭro de du semajnoj.

Tial persono, kiu deziras serioze kaj funde trastudi la kurson, povos akiri la elementan konon de nia lingvo, en 10 semajnoj.

La eldonantoj antaŭvidas, por la bona ordigo de la afero, ke persono mendante la kurson en la unua duono de la monato, ricevos la unuan lecionon la 15-an; tiu, kiu mendas dum la dua duono, ricevos ĝin, la 1-an de la sekvanta monato.

Tiel la prizorgado de la klientoj okazos per dufoja forsendado en ĉiu monato.

Kun la kvar lastaj lecionoj estos, ĉiufoje, sendata folio kun la korektado de la taskoj, indikitaj en la antaŭa.

Tiuj personoj, por kiuj pligravigo de elspezoj rilate al la kurso ne gravas, kaj kiuj deziras antaŭmeti siajn taskojn al profesoro, kiu **individue** devos korekti la erarojn kaj aldoni notojn, disponos pri speciala servo.

La abonantoj al tia kurso pagos entute Fr. 25, anstataŭ Fr. 10.

En la grupoj, oni povas jam komenci la enskribon de la personoj, kiuj ne havas tempon por sekvi ordinaran kurson kaj kiuj emus sekvi la novan korespondan kurson, kiu ekzistas, kompreneble, en flandra, same kiel en franca lingvo.

## Nia Kongreso en Charleroi

Ni intencis presi en tiu ĉi numero de nia revuo la programon de nia Belga Kongreso, kiu okazos, kiel ĉiu jam scias, dum la Pentekostaj tagoj, en Charleroi.

Pro kelkaj detaloj, kiuj ne jam estas firme starigitaj kaj por eviti konfuzon pro ŝanĝoj, kiuj ankoraŭ certe tamen devos okazi, ni interkonsentis kun la LKK atendi ankoraŭ ĝis la proksima numero.

La 1-an de Aprilo, t.e. ses semajnoj antaŭ la Kongreso, niaj legantoj havos antaŭ si plej allogan programon, pri kiu ili tiam estos certaj, ke ĝi disvolviĝos plene laŭ la antaŭvidoj.

Ni ne dubas, ke neniu el ili tamen deziros atendi ĝis tiu momento, por sendi sian aliĝon al la LKK.

La 1-an de Aprilo, ni jam devos esti pli ol cent enskribitoj. Mankas ankoraŭ kelkaj.

Kiu ankoraŭ volas esti en la unua cento?

Li tuj ĝiru Fr. 15,— al la P.Ĉ.K. 1119.10 de « Belga Esperanto-Kongreso ».

Kaj ĉiuj ni helpu ankaŭ al la varbado de amikoj, kiuj deziras kuniri.

## Propagando

Ni jam atentigis niajn legantojn pri la belaj kaj bonaj artikoloj, kiuj aperis en « La Patrie », Bruĝa gazeto.

Ricevante regule tiujn artikolojn, ni opiniis ke tiu fakto estis nur akirebla dank' al paŝoj de membroj de la grupo, kiun tiel lerte direktas F-ino Thooris.

La vero estas fakte pli bela... Niaj bruĝaj geamikoj tute ne devis fari specialajn paŝojn. La redakcio mem de la gazeto esprimis la deziron enpresi tiajn artikolojn

Ke tio estis nur ebla, dank' al la daŭra propagando de la Bruĝa Grupo por nia idealo, estas ekster dubo, sed la fakto ke ne-esperantista entrepreno mem pensas pri enpreso de pri-esperantaj artikoloj, estas tamen ankaŭ fakto, kiu per si mem, estas laŭdinda, kaj pri kiu ni nepre devis atentigi.

Kaj post tiu fakto, pli bela espero estas ankoraŭ ebla.

# NIA TRIDEKA

## Londono : Mejlofosto en la Esperanto-historio

**Mirinda sukceso ! — Kelkaj notoj pri la "City" — Grandmagazeno enkondukas Esperanton. — Multaj sukcesaj kursoj en la kongresurbo**

Jam de nun estas nepridubinda fakto, ke la trideka universala kongreso, kiu okazos en la angla ĉefurbo Londono, konos sukceson, pli grandan ol ni iam kuraĝis esperi.

La aliĝoj ja konstante, ĉiutage alfluas al la oficejo en Rickmansworth, kaj ni estas konvinkitaj ke la Londona Kongreso iĝos mejlofesto en la historio de la esperanta movado.

Ĉi poste ni donas kelkajn novajn interesajn sciigojn, pri Londono kaj la estonta kongreso, kiuj aperis en « Heroldo de Esperanto » :

*

### KIO ESTAS LA CITY ?

La vizitanto al Londono, kiu ofte aŭdas la vorton « City », eble sufiĉe bone konas la anglan lingvon por scii, ke tiu vorto signifas « urbego », kaj precipe urbego kie troviĝas katedralo. Rilate al Londono, tamen, la vorto estas honorata per majusklo; ĝi estas nomo kaj havas apartan signifon. La vorto City, do, ne indikas la tutan urbegon, sed nur relative etan regionon en la mezo kun propra administracio.

En tiu ĉi loketo (2 kv. km.) troviĝas la borso, la bankoj, la amaso da oficejoj kiuj faras Londonon la komerca kaj financa centro de la mondo. Tien ĉi migras ĉiutage centmiloj da geoficistoj kiuj loĝas en la eksteraĵoj. Matene el ĉiu direktoj ili fluegas en la City'n kaj vespere milope ili rapidas hejmen. Sed tio ne okazas dimanĉe, kaj je tiu tago la City estas preskaŭ timige silenta kaj senhoma. Efektive, krom kelkcent domzorgantoj, preskaŭ neniu alia loĝas tie.

#### Ĝia origino.

La City fidele reprezentas la originalan urbeton kiu naskiĝis antaŭ du mil jaroj kaj dum tiu longa tempo kreskadis ĝis la nuna koloso. Frue dum la romana okupado, en la unua jarcento, la brita reĝino Boadicea kun sia armeo atakis la urbon kaj forbruligis ĝin. Tuj poste, do, la romanoj konstruis fortikan muron ĉirkaŭ la urbon kiel defendon kontraŭ pluaj atakoj, kaj la distrikto, kiun enfermis tiu muro, estas la nuna City.

En la katastrofa brulego de la jaro 1666, pereis okdek procentoj de la City, sed poste oni rekonstruis ĝin pli malpli laŭ sama formo kiel antaŭe, kaj pro tio la plej multaj stratoj montras la formon kiun ili havis dum la romana epoko.

#### Ĝia ĉarmo.

Krom la ne tre multaj ĉefstratoj, la City konsistas el centoj da mallarĝaj stratoj, vojoj, kaj antikvaj kaŝitaj kortoj kie ŝajnas vagi fantomo el antaŭaj epokoj. La nomo de ĉiu el tiuj stratetoj kaj kortoj estas plena de signifo, kaj la tuto liveras facile legeblan historion de la pasinteco. Al turisto, tio estas la ĉefa ĉarmo de la City, la mallarĝaj stratoj kaj la kvazaŭ perditaj vojetoj kaj kortoj kiujn dimanĉe li trovas en morta silento. For estas la rapidantaj homamasoj, for la milo, da aŭtobusegoj kaj la konfuzo kaj bruo, kaj tute komforte li povas esplori tiun loketon, riĉan je intereso, kies dumiljara ekzisto tiom elstaras en la brita historio.

En Londono, kaj precipe en la City, ankoraŭ abundas pitoreskaj ceremonioj kiujn vivigas la brita amo al tradicio. Unu el la plej trafaj, kiu, cetere, bone montras la sendependecon de la City, estas la fakto ke la reĝo nepre ne rajtas eniri la City'n ĝis li petas kaj ricevas la permeson de la urbestro, kiu ĉiam ceremonie renkontas lin ĉe la limo. Plue, dum la reĝo restas en la City, la urbestro range superas ĉiun el liaj akompanantoj. Tiuj tradicioj servas por memorigi pri la longa batalo de la Londonanoj kontraŭ la monarkio por la libereco kaj rajtoj de sia urbo.

*

### LONDONA GRANDMAGAZENO ENKONDUKAS ESPERANTON !

Ĉiu vizitanto al Londono konas almenaŭ la imponan eksterajon de ties plej grandioza magazeno, la ĉiam entreprenema SELFRIDGE, kie oni povas aĉeti cent diversajn specojn de preskaŭ ĉio; kaj el tiuj vizitantoj multaj certe kun intereso penetras en la labirintajn fakojn de tiu ĉi kolosa magazeno, kiu, laŭ sia propra fiera kaj eble ĝusta aserto, estas la civita centro de Londono.

Gravan signifon por nia movado, do, havas la fakto ke la direktoraro de Selfridge ĵus inaŭguris du Cseh-metodajn kursojn por elektitaj reprezentantoj de sia personaro. En tiuj ĉi unuaj du kursoj, kiuj okazas *dum laborhoroj* en la magazeno mem, partoprenas 32 perso-




La magazenego Selfridge.

noj — gevendistoj, interpretistoj, telefonistinoj, kelkaj fakestroj, ktp. Ambaŭ kursojn gvidas Cseh-metoda instruistino Margarete Saxl, kaj apenaŭ necesas aldoni, do, ke ĉiu lernanto estas jam maksimume entuziasma pri nia lingvo!

Pro tio ke Selfridge, kun sia unika servaro, plenumas tiom gravan rolon en la vivo de la kongresa urbo, kelkaj vortoj pri la magazeno eble interesos niajn legantojn

Pri la amplekso de la organizo, kiu funkcias malantaŭ la 170-metrojn longa fasado sur Oxford Street, oni ricevas pli trafan impreson, konstatante ke laboras en la konstruaĵo 5.000 homoj.

Laŭ la vidpunkto de la publiko, eble la ĉefa allogaĵo de Selfridge estas la sennombraj servoj kiujn ĝi plenumas tute senpage. En tiu rilato, efektive ĝi estis la unua magazeno en Londono kiu sincere invitis al la publiko eniri kaj vagi ĉien an kun nenia devigo elspezi eĉ unu pencon. Tiun spiriton bone ekzempligas la jenaj faktoj: En la Informoficejo oni povas ricevi absolute senkoste sciigojn pri ĉia ajn temo. Tiujn petojn oni povas fari persone, letere, telefone aŭ telegrafe. Plie, en la ripozokaj skriboĉambroj oni povas komforte sidadi por legi gazetojn aŭ skribi leterojn sur la papero de la firmo! — kaj tiajn volonte donatajn senpagajn servojn oni povus skribi en longan liston.

Altege super la bruaj stratoj, troviĝas sur la vasta tegmento tre agrabla surprizo — trankvila kaj belega ĝardeno kun riĉa herbaĵo, florbedoj, rozlaŭboj kaj fiŝlagetoj. De tie oni ĝuas ampleksan vidon de la urbego.

En la sesetaĝa konstruaĵo funkcias pli ol tridek luksaj liftoj kaj movŝtuparoj, kaj ankaŭ havas sian difinitan lokon granda tiel nomata « Bargain Basement », tio estas du subteraj etaĝoj kie oni povas aĉeti je pli modestaj prezoj similajn objektojn al tiuj kiuj vendiĝas en la ĉefa parto de la magazeno. Interesa fakto estas, ke Selfridge estis la unua magazeno en Eŭropo kiu enkondukis tiun nun tre ŝatatan ideon.

La favoro al nia lingvo estas plia ekzemplo de la aparta bonvenigo kiun tiu ĉi firmo havas por alilandaj vizitantoj — plaĉa simbolo pri tio estas la kvardek naciaj flagoj kiuj ornamas la tegmento-randon de la konstruaĵo.

En aŭgusto la kongresanoj trovos pli ol sufiĉe por interesi ilin, dum ili « ekskursos » en tiu ĉi vasta magazeno, kiun ili certe memoros kiel unu el la plej trafaj vidindaĵoj de Londono.

**Aliaj kursoj en Londono.**

Ĝis nun f-ino Saxl gvidas du aliajn Cseh-kursojn en la brita ĉefurbo, ambaŭ en la ejo de la Londona Esperanto-Klubo. En komenca kurso partoprenas okdek lernantoj kaj en daŭriga kurso dudek.

Estas tre ĝojiga, kaj foje al la organiza komitato iom surpriza fakto, ke nuntempe en ĉiuj sferoj en Londono oni trovas sinceran estimon por nia lingvo — ankaŭ f-ino Saxl konstatas tion — kaj tre baldaŭ la komitato esperas povi anonci pliajn sukcesojn ne malpli gravajn ol tiu pri Selfridge.

*E. W. Amos.*

---

# Kiel Esperanto povas servi al malgrandaj popoloj ?

Ĉu vi scias, kio estas « Tomas Nipernadi » kaj kiu estas August Gailit ? Certe ne, kaj vi neniam aŭdis pri ili. Sed kial ? Tute simple — ĉar August Gailit estas nek anglo, nek germano, nek franco, nek eĉ svedo aŭ ĉeĥo, sed *nur* estono, kaj ĉar li havis la malfeliĉon verki sian plej bonan romanon en lingvo, kiun parolas nur 1.000.000 da homoj. Se li apartenus al iu granda popolo kaj se li estus verkinta sian libron en iu « mondlingvo », certe li estus jam konata tra la tuta mondo kaj lia romano estus tradukita al ĉiuj kulturlingvoj. Sed nun ?

Gailit multe klopodis, por ke lia romano, kiu certe devus aparteni al la mondliteraturo, estu tradukata en aliajn lingvojn, sed ĝis nun senrezulte. Ĉar ne ekzistas personoj, kiuj povus fari la tradukon! Jes, antaŭ kelkaj jaroj aperis germana traduko, sed tiu estis tiom fuŝita, ke la aŭtoro ne volas ĝin rekoni kiel sian verkon. El la germana oni tradukis ĝin holanden, sed kompreneble la rezulto estis ankoraŭ pli mizera. Li sukcesis interesigi italan eldonejon, sed kie preni homon, kiu povus el la estona traduki literaturaĵon al la itala lingvo? Svedan tradukon faris iu sinjorino, sed kiam la eldononto ekvidis ĝin, li ekkriis, ke en *tia* sveda lingvo li nenion eldonos!

Tiam la aŭtoro kaptis la ideon pri Esperanto kiel internacia helplingvo, por ke poste el ĝi povu esti farataj ankaŭ diversaj alilingvaj tradukoj. La subskribinto do tradukis la romanon, laŭeble fidele al la originalo, sed — dum du jaroj ni vane serĉis eldononton. Iu eldonejo postulis eĉ garantion de preskaŭ 1000 svisaj frankoj, ĉar alie ĝi ne kuraĝus eldoni la libron, timante, ke la esperantistaro ne havas intereson al nekonata aŭtoro de malgranda popolo.

Tio igis la aŭtoron starigi la demandon, ĉu al malgrandaj popoloj eĉ valoras labori por Esperanto, ĉar ja ankaŭ tie la grandaj popoloj ludas la unuan violonon kaj la malgrandaj estas neglektataj kaj flanken ŝovataj? Kaj li pravas, kiam ni rigardas la Esperantan literaturon: ĉiujare aperas multaj tradukoj, sed plejparte el la angla kaj aliaj lingvoj! Strange — oni ja diradas, ke la angla estas « mondlingvo », kial do oni ankoraŭ bezonas fari tradukojn el ĝi! Kaj vere, kial ni havigu al ni Esperantan tradukon de Sinclair, Jack London kaj multaj neanglaj mondkonataj aŭtoroj, kiam ni povas legi iliajn verkojn en kiu ajn alia lingvo? Eĉ en la lingvo de la originalo mem. Male, ni bezonas verkojn, kiuj estas akireblaj *nur* en Esperanto, en neniu alia lingvo! Ankaŭ la malgrandaj popoloj havas altkvalitajn verkojn, kiuj povas kuraĝe konkuri kun verkoj de la grandaj popoloj. Nur neniu konas ilin pro la *lingvaj baroj*. Sed ja la tasko de Esperanto kiel internacia helplingvo estas forigi tiujn barojn kaj lingve egalrajtigi la malgrandajn popolojn al la grandaj. Tial ni bezonas en Esperanto ne tradukojn el la angla, germana, franca, itala kaj aliaj grandaj lingvoj, sed unuavice el la estona, latva, litova, finna, rumana, bulgara, turka ktp. Tiam ni povos aserti, ke en Esperanto oni povas legi verkojn, kiuj en la aliaj lingvoj ne ekzistas, kaj krome estos tre grava fakto, se pere de Esperanto iu verko fariĝos konata en la tuta mondo kaj estos tradukata en diversajn lingvojn.

Ankaŭ al la Esperanta popolo mi vokas: postulu kaj legu ne nur la mondkonatajn aŭtorojn de grandaj popoloj, sed *interesiĝu ankaŭ pri la malgrandaj popoloj kaj ilia literaturo !* Ankaŭ tie vi trovos multon interesan kaj altvaloran, ne malpli altvaloran ol en la literaturo de la grandaj popoloj ! Kaj tiamaniere vi faros grandan servon ankaŭ al Esperanto kiel internacia helplingvo!

*H. Seppik.*

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h. (Perfektiga kurso je la 20a h.)

Dimanĉon, la 13-an de Marto, funebra ceremonio ĉe la tombo de la prezidinto-fondinto. Kunveno ĉe la tombo je la 11a horo.

La programo de la sabatoj estos konigataj ĝustatempe per speciala cirkulero, pro ŝanĝo eble ankoraŭ okazonta en la ordo de la programoj.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Marto 1938, ĉiuj en la kunvenejo:

Mardon 1-an: a) Kurso por progresantoj, 5-a leciono, F-ino Y. Thooris; b) Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto », S-ro Ch. Poupeye.

Mardon, 8-an: a) Lekcio pri « Historio de Esperanto », S-ro Adv. R. Groverman; b) Dikto de kanto, F-ino Y. Thooris.

Mardon, 15-an: a) Kurso por progresantoj, 6-a leciono, F-ino Y. Thooris; b) Kantado, gvidado S-ino J. Groothaert aŭ F-ino A. Boereboom; piano: S-inoj Poupeye aŭ Van Roye.

Dimanĉon, 20-an: en « Eendracht-Union », Augustana Ponto, posttagmeze INTIMA GRUPA FESTO: teatraĵo, kantoj, dancado. Pli precizaj informoj sekvos.

Mardon, 22-an: a) Kurso por progresantoj, 7-a kaj 8-a lecionoj (krom sufiksoj), S-ro Ch. Poupeye; b) Triopa babilado kun posta publika raportado, F-ino M. Vanden Berghe.

Mardon, 29-an: a) Kurso por progresantoj: Leciono pri « sia » kaj pri sufiksoj adi, igi, iĝi, ema, ebla, inda, S-ro H. Van Roye; b) Parolado de S-ro Drubbel, pri: « Bruĝo, arturbo nomata „La Norda Venezio" », Prez. S-ino H. Vrielynck.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo, Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo.) Tel.: 315,61.

KOTIZOJ 1938: Kelkaj membroj, kiuj ne jam repagis sian kotizon por 1938, estas invitataj tion fari, kiel eble plej baldaŭ, per pago aŭ ĝiro al la poŝtĉekkonto N-ro 2340.04 de « Bruĝa Grupo Esperantista ».

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde:

De la 7a ĝis la 8a: Dancleciono.
De la 8a ĝis la 9a: Kurso.
De la 9a ĝis la 10a: Kunveno.

Lundon, la 7an de Marto: Kantvespero; Direktoro S-ro Vanderstempel.

Dimanĉon, la 13an: Je la 14.30 rendevuo Place Sainctelette (sur la ponto). Promenado laŭlonge de la kanalo al Anderlecht. Se la vetero estas malbona, sama rendevuo sed vizito de tre malnova brusela trinkejo.

Lundon, la 14an: Mallonga parolado pri Tripoli (kun lumbildoj) de F-ino Jennen.

Lundon, la 21an: Malgrandaj problemoj: F-ino Kerkhofs.

Lundon, la 28-an: Parolata ĵurnalo: S-ino Plyson.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 5-an de Februaro, S-ro Faes, post kelkaj komunikoj de la prezidanto, faris mallongan, sed plej interesan paroladon pri « Moroj kaj Kutimoj en Nord-Ameriko ». Pro la ĉeesto de la novdiplomitoj, li faris ĝin per tre simplaj vortoj. La prezidanto dankis lin kaj citis lian ekzemplon. La gemembroj ankoraŭ, dum plia horo, ludis per la specialaj ludkartoj.

Sabaton, la 12-an, okazis la « Baghy-vespero ». Kiel enkonduka vorto, S-ro Jaumotte legis la artikolon, kiun li verkis pri la vizitanto, por la jubilea libro je l'honoro de Baghy kaj Kalocsay kaj ĉiuj povis konstati, dum la vespero, ke la portreto estis tre simileca.

Je la demando de kelkaj ĉeestantoj, S-ro Baghy elektis kiel temon por sia parolado « Siberio » kaj pritraktis tiun temon kun takto, kun plena sentemeco kaj en formo vere beletristika.

Estis unu el tiuj vesperoj, pri kiuj la gemembroj ankoraŭ longtempe memoros.

La postan tagon, Dimanĉon, multaj verdstelanoj iris, kun bruselanoj kaj kun aligrupanoj el grand'Antverpeno, per speciala aŭtobuso al Turnholto.

Sabaton, la 19-an okazis intima kunsido, gvidata de S-ro L. De Hondt.

Sabaton, la 26-an, multaj gemembroj, preskaŭ ĉiuj kostumitaj ĉeestis la dancfeston, organizitan de la grupo okaze de Karnavalo kaj kiu daŭradis ĝis tre malfrue.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 21-an de Januaro okazis la parola parto de la ekzameno « pri simpla kapableco ». Ĉiuj 20 partoprenintoj sukcesis; per 9/10: S-roj Van Roye kaj Buquoy, F-inoj Huyghe, Cécile kaj Madeleine Willems; per 8/10: S-ro Guilbert, F-inoj Meeuws, Schepens, S-roj Lloyd, Delcloo, F-ino S. Vanden Berghe, S-roj Decoster, C. Vanden Berghe, F-ino Devos, S-roj Drubbel, Tanghe, Berton kaj Devulder; per 7/10: F-ino Grouve; per 6/10: F-ino Maurus.

— La 25-an okazis la ĝenerala jarkunveno. Post la protokolo de la antaŭa ĝenerala kunveno, legata de F-ino M. Vanden Berghe, F-ino Y. Thooris, Prezidantino, faris funde pripensitan moralan raporton, kiu katenis ĉies atenton. S-ro Van Roye, sekretario, legis la raporton pri la grupa agado, S-ro Guillaume raportis pri la bona stato de la kaso kaj fine S-ro Decoster pri la biblioteko. Post aprobo de la komitata agado dum la pasinta jaro, la ĉeestantoj reelektis la komitatanojn. Fine kelkaj proponoj estis farataj de la membroj.

— La 1-an de februaro, post kelkaj komunikaĵoj faritaj de F-ino Thooris, S-ro Rombauts legis skribitan proponon pri reorganizo de la grupa biblioteko. Diskutado pri tio sekvis. S-ino Thooris gvidis kelkajn gramatikajn ekzercojn kaj diktis novan kanton.

— La 8-an, S-ro Baghy parolis pri Lingvo-evoluo. Poste li deklamis kelkajn poemojn el siaj verkoj kaj finis per kelkaj spritaj imitaĵoj. Multnombraj ĉeestantoj varme aplaŭdis nian



**La dancistinoj de la Bruĝa grupo, kiuj akiris tiel grandan sukcesan dum la balo, kiun la grupo organizis en « Muntpaleis ».**

eminentan verkiston kaj talentplenan parol-anton.

— La 12an de Februaro, je la 9a vespere, okazis en « Muntpaleis — Palais de la Monnaie » la ĉiujara granda balo de la grupo. Pli ol kvincent gemembroj, aktivaj aŭ apogantaj, plenigis la vastan salonegon kaj tiel amuziĝis, ke, je la 3a matene, ĉiuj nur kontraŭvole ĉesigis la dancadon. La « Menueto » kaj la belege kostumita baleto « La Esperantista Honorgvardio » dancitaj de la dancsekcio, sub gvidado de Ges-roj P. de Vooght, kaj kun la talentplena kunlaboro de F-ino Monique de Vooght, akiris grandegan sukceson.

Tiu sukceso igis la « Frataron de la militintoj de la 3a Lancier-regimento » peti la kunlaboron de la dancistinoj por ĝia festo de la 26-a.

— La 15-an post kelkaj komunikaĵoj faritaj de F-ino Thooris, la ĉeestantoj gaje interbabilis kaj rakontis siajn impresojn pri la ĵus-okazinta balo. La prezidantino varme dankis la organizintojn kaj la dancintinojn, kiuj tiel sukcesplene dancis la specialajn numerojn. S-ro P. de Vooght donis kompletan bilancon pri la balo el kiu rezultas bonega profito por la propagando.

**TURNHOLTO. — Turnholta Grupo « La Espero ».** — La 13-an de Februaro okazis, en la Kempenlanda ĉefurbo Turnholto, granda Esperanto-tago, organizita de la neŭtra grupo « La Espero » kaj kiun partoprenis membroj de diversaj grupoj el la regiono kaj ankaŭ multaj membroj de niaj Ligaj grupoj el Antverpeno kaj Bruselo, kiuj kune vojaĝis el Antverpeno per speciala aŭtobusego.

Ĉe la alveno en Turnholto, niaj amikoj estis bonvenigitaj de S-ro Baumers, la simpatia prezidanto, kaj tuj ekkomenciĝis mallonga kunsido dum kiu S-ro Van Dooren faris tre belan enkondukan paroladon dum S-ro Wauters donis klarigojn pri la okazontaĵoj de la tago.

S-ro Jaumotte, vicprezidanto de Belga Ligo kaj prezidanto de « La Verda Stelo » diris, nome de ĉiuj partoprenantoj al la tago, la korajn sentojn, kiuj igis ilin veni tiel multnombre al Turnholto.

Ekster la Esperanto-programo estis antaŭviditaj, vizitoj al la muzeo Taxandria, kie Pastro Jansen donis klarigojn, kaj al la Kastelo, kie la provinca arkitekto S-ro Schellekens rondirigis la vizitantojn. S-ro Jaumotte tie tradukis, en ĉiu salono, la klarigojn.

La tagmanĝo okazis en du diversaj restoracioj, ĉar entute proksimume 300 Esperantistoj partoprenis la Esperanto-tagon.

Je la 4a posttagmeze, okazis, en salono « Lindenhof », grandioza festo, dum kiu oni aŭdis F-inon L. Dirkx, kiu deklamis Esperantlingve; S-ron Venmans, violiston; F-inon Dierckx, kiu kun agrabla kaj stilita voĉo kantis Esperantokantojn; S-ron Goethals, deklamanton, S-ron Crols, kantiston kaj S-ron B. Brandt, pianiston.

Poste estis ludata bonega teatraĵeto de S-ro Van Dooren, kiu, kun S-ro Stappers, honora prezidanto, povas esti konsiderata kiel la pioniroj de la Esperanto-movado en Turnholto. Pri tiu ĉi teatraĵeto ni reparolos, sed ni nun nur diru, ke la fraŭlinoj Sintje Maene kaj Louisa Dirkx kaj la S-roj Herman Wouters, Michel Thys, Jozef Nauwens kaj Henri Nuyts kondukis ĝin al plena sukceso.

S-ro Baumers faris, dum tiu ĉi festo, bonegan paroladon, dum S-ro Van Dooren ree dankis ĉiujn, kiuj venis el ekster la urbo, kaj inter kiuj ni citu, por nia Ligo, nian prezidanton D-ron Kempeneers, nian vicprezidanton, S-ron Jaumotte; niajn geadministrantojn F-inon Jennen, prezidantinon de « Brusela Grupo » kaj S-ron Boffejon; kaj diversajn komitatanojn de la Antverpena kaj Brusela grupoj.

S-ro Rainson faris alvokon por la baldaŭ malfermiĝonta kurso de Esperanto kaj prezentis la ĉefan profesoron, kiu legis saluton.

Loterio kun multegaj premioj kaj agrabla dancado estis la fino de tiu bonege sukcesinta tago, dum kiu la vetero, — kiu Sabate ankoraŭ estis malbona kaj eĉ Dimanĉe, en aliaj lokoj, estis nefavora, — plene helpis la organizintojn.

S-ro Baumers, prezidanto, F-ino Bellekens, sekretariino, S-ro Wauters, kasisto, kaj S-ro Van Dooren, profesoro, kaj iliaj helpantoj, meritas ĉiujn laŭdojn por la organizo.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — Dum niaj lastaj Merkredaj kunvenoj en la lernejo de St. Pietersnieuwstraat oni havis la grandan plezuron aŭdi F-inon Criel kaj la S-rojn E. Lödör kaj Coppée pri diversaj temoj.

La gelernantoj de la kurso por progresantoj tre ŝatas tiujn paroladetojn.

La 9a de Februaro okazis en la kafejo « Melomanes », Savaenstraat, tre bela Baghy-vespero. La deklamado de S-ro Baghy estis certe art-plena, kaj la spritaj rakontoj tre amuzaj. Tiu vespero tre plaĉis al ĉiuj aŭskultintoj.

Tiel S-ro Baghy multe faras por la disvastigo de Esperanto. Post dankoj al li de S-ro Van de Velde, S-ro Baghy amike interbabilis kun la feliĉaj ĉeestintoj.

**KONDOLENCOJ.**

— Al F-ino Juliette Van Eeckhoven, membrino de « La Verda Stelo », Antverpeno, okaze de la morto de ŝia onklo.

—o—

# La Opinio de Fremdulo...

**Kursfina festo en Bruselo.**

Ne malofte trafas sur nian redakcian tablon tiel bele eldonita kaj bone presita programo, kiel tiu de « Kursfina festo », organizita la 26.1.1938 en « Brasserie Flamande », konata restoracio kaj salonaro en la centro de Bruselo. Tia prog amkajero signifas ja propagandon por nia afero!

Pri la festo mem ni ricevis ampleksan raporton de nia ĉeestinto, s-ro Paŭlo Walter; el ĝi ni ĉerpas la jenon:

Dum mia vojaĝo tra Belgujo mi haltis en Bruselo, kie mi havis la bonŝancon ĉeesti vere rimarkindan Esperanto-feston, aranĝitan de Cseh-kurso, kies instruisto esti la konata nederlanda esperantisto kaj senlaca propagandisto s-ro F. W. Buenting. La tuta ĉeestantaro, kies nombro atingis 300 personojn, havis la eblecon plezure spiradi dum kelkaj horoj en varma, intima kaj amika Esperanto-atmosfero kaj satigi siajn animojn per agrabla, ĝoja intelektnutraĵo. La granda, ornamplena salono ŝajnis ĉirkaŭbraki nin per verdstelaj manoj kaj luli nin per amaj patrinaj karesoj al dolĉa sonĝo. La festo estas jam for, sed resonas denove en niaj oreloj la belaj kaj tiel agrablaj kantoj de la Esperanto-kanthoro, revibradas per dolĉaj tonoj la instrumentkordoj de l' Esperanto-orkestro, removiĝas antaŭ niaj okuloj la ritmaj, harmoniaj dancoj de l' Esperanto-baleto, ridigas nin denove humorplenaj teatraĵoj kaj monologoj.

(Poste la raportinto detale mencias la programpunktojn kaj la partoprenintojn, aldonas kelkajn bone sukcesintajn kanttradukojn, kaj finas jene:)

Kiel mirinda ŝajnas al ni la fakto, ke ĉio tio fondiĝis apenaŭ antaŭ unu monato! Dum 30 tagoj el simplaj modestaj homoj fariĝis muzikistoj, dancistoj, artistoj ktp. Mi havis jam la bonŝancon ĉeesti Esperanto-festojn, internaciajn Esperanto-kongresojn, kaj se mi volus kompari ĉi tiun feston kun ekzemple « la gaja vespero » de la Jubilea Kongreso en Varsovio, mi devus konfesi, ke la Brusela festo ne nur ĝin samvaloras, sed eĉ ĝin superas per diverseco de la programo kaj boneco de aranĝo. Vi diros: miraklo; sed ne, gesinjoroj, ni ne kredu en miraklo]. Tio estas prefere rezulto de longa ĉiutaga laboro kaj senĉesaj penoj de la iniciatintoj. Ili havis la esceptan energion kaj kuraĝon entrepreni laboron preskaŭ nekonatan ĝis nun en Esperantujo kaj per siaj individuaj spertoj interesigi novajn esperantistojn en tia maniero, ke ili tuj sentis sin aktivaj en la Esperanto-movado kaj ligitaj per nedeŝirebla ĉeno al ĝia korpo. Ni esperu, ke la rolo de la Brusela Esperanto-orkestro kaj ĥoro ne finiĝis (gvidanto s-ro A. Isaya), kaj ke post trapaso de la unuaj diversaj malfacilaĵoj ĝi komencos regulan laboron por alporti iom da gajeco kaj ĝojo en la vivojn de l' esperantistoj...

(El « Heroldo de Esperanto ».)

## POR KORESPONDEMULO

Václav Paulus, **Ceská Skalice**, Riegrova ul. ep. 355, Ceskoslovensko, nova esperantisto, serĉos kelkajn bonajn filatelistojn, kiuj deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Kontraŭ markoj de Belgujo, li donos markojn de lia respubliko, laŭ mankolisto Michel-katalogo 1938. Li kolektas kaj donos belajn kaj sendifektojn ekzemplerojn.

Milic Jelinek, **Ceská Skalice**, Riegrova ul. c. 355, Ceskoslovenko, faras similan oferton.




## OFICIALA INFORMILO N-ro 3.

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Hert.), Anglujo.

**Kongresejo.** — University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj.** — Ĝis 31-3-38, £ 1-5-0; post 31-3-28, £ 1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas la duonon de ĉiu tiuj sumoj. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni **ĉiam** sendu samtempe informon pri la **nomo kaj adreso de la sendinto** kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo. Ĉekoj kaj aliaj pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj.** — Kun la nunmonata numero de « The British Esperantist » ni sendas al ĉiu kongresano mendilon por loĝejoj kaj ekskursoj. Oni plenigu ĝin kaj sendu ĝin al la kongresa oficejo kiel eble plej frue, kun la koncerna pago. La komitato ne povas garantii ion al kongresano, kiu ne zorge plenumas la kondiĉojn.

**Donacoj.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso. Donacoj jam ricevitaj £ 13. 17ŝ. 3p.

**Blindula Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita £ 20. 1ŝ. 2p.

**Presaĵoj.** — En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post antaŭa aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.** — La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj; tio estas, ili devos ricevi la antaŭan aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Fakaj kunvenoj.** — Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Jam anoncitaj estas kunvenoj de Skoltaj Esperantista Ligo, TAGE, Katolikoj.

**Karavanoj** estas jam aranĝataj el diversaj landoj, nome:

Aŭstrujo: Reisebüro « Zentrum », Althanplatz 6, Wien IX.

Francujo: S.F.P.E., 34 Rue de Chabrol, Paris X.

Hungarujo: S-ino Sári S. John, Nagymező-u. 52, Budapest VI.

Nederlando: Reisbureau L.E.E.N., Van Tuyll, v. Serooskerkenplein 33, Amsterdam.

Norvegujo: Esperanta Turista Komisiono, Boks 353, Stabekk.

Svedujo: Esperanta Turista Komisiono, Tegelbacken, Stockholm.

Usono: S-ro G. A. Connor, 30 Perry Street, New York City.

**Taksiistoj,** kiuj intencas ĉeesti la kongreson, estas petataj sendi poŝtkarton al la Sekretario, Londona Taksiista Grupo, 269 Grays Inn Road, London, W.C.1.

**Ostendo.** — Loka grupo proponas sian helpon al kongresanoj, kiuj transiros tiun urbon. Adreso: Ostenda Grupo Esperantista, Torhoutsche steenweg 150.

**Membraro.** — Ĝis la hodiaŭa dato (16-2-1938) aliĝis al la kongreso 941 el 25 landoj.

Por la Organiza Komitato,
Cecil C. GOLDSMITH,
Sekretario.

# Bibliografio

**Historique du mouvement espérantiste à Dunkerque, précédé d'un aperçu sur l'évolution du problème de la langue auxiliaire, par Claude Vernay.**

Jen sendube unu el la plej bonaj, plej efikaj propagandaj eldonaĵoj kiuj nacilingve aperis pri Esperanto.

En la libreto, grandformata kaj 76-paĝa, ni trovas la kompletan evoluon de la ideo pri helplingvo internacia lerte redaktitan kaj bone prezentitan. La libreto ekde sia apero tiom bone impresis ke oni tuj uzis ĝin por efika propagando kaj eĉ por ĉerpi el ĝi regule dokumentajn gazetartikoloj.

Tiu unua parto de la broŝuro, fakte la enkonduko, estas verkita de D-ro Degand, advokato kaj prezidanto de la grupo de Dunkerque.

La dua parto skizas la historion, la evoluon kaj la intensan vivon de la tiea grupo.

Ankaŭ tiu parto estas tre utila, ĉar ĝi montras kiamaniere akiri viv- kaj laborplenan grupon.

La broŝuro estas dokumenta por ĉiuj kaj instiga precipe por grupanoj. Diversaj belaj fotografaĵoj pligrandigas ankoraŭ ĝian valoron. Inter tiuj portretoj ni precipe citu tiujn de Zamenhof, Dumont, la nestoro de la movado en Dunkerque, Deligny, konata esperanto-profesoro, P. Benoit, prezidinto de la loka grupo, kaj plej simpatia samideano Archdeacon, granda batalanto por nia lingvo, ktp. Hoso.

**ELLERNU! Progresa kurso de Esperanto. Verkis D-ro P-ro Francisco Szilagyi. Eldonis: Nederlanda Esperanto-Centro, Rotterdam.**

Tiu ĉi lernolibro pligrandigas la amason de lerniloj, kiujn ni jam havas en nia esperantomondo, kaj pri kiuj ni ofte tute ne sentas la bezonon.

La kurso de Szilagyi estas tamen de nova speco kaj mi povus diri: **ĝi devis aperi.**

Antaŭ kelka tempo, ni jam havis la okazon recenzi en la samaj kolonoj la bonegan elementan kurson laŭ la rekta metodo de tiu konata samideano.

Por kelkaj amatoraj kursgvidantoj kiuj uzis tiun metodon, baldaŭ montriĝis do la dezirindeco ke ankaŭ eldoniĝu perfektiga kurso pri nia lingvo laŭ la sama metodo.

**ELLERNU!** do respondas al granda demando kaj certe kontentigos ĉiujn kiuj jam posedas la unuan elementan kurson.

Bona gajno por niaj instruantoj!

**Esperanta Almanako de la Ĉehoslovaka Radio**

Belega broŝuro aŭ pli bone libro, ĉar la vorto broŝuro ja ne taŭgas por tia luksa, unika eldonaĵo.

Ĉiuj niaj legantoj scias ke la Verda Stacio, la radio-elsendstacio de Brno, ja estas la plej favora inter ĉiuj por la uzo kaj disvastigo de nia lingvo.

La supre citita dokumento donas klaran, tre klaran bildon pri la laboroj jam faritaj sur tiu ĉi kampo, pri la laboro ankoraŭ farota kaj ankaŭ pri la jam rikoltitaj rezultoj.

Ni povas bedaŭri, ke aliaj organismoj ne ankaŭ eldonas tiajn dokumentojn, kiuj nur povas pruvi al la ekstere-starantoj la grandan valoron de Esperanto.

Hura por la Verda Stacio!

Hoso.

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.